Nakład 1000 sztuk

Nal. poczt. opł. rycz.

Unu numero
Cena numeru **25 gr.**

# JUNA SAMIDEANO

## MŁODY WSPÓŁIDEOWIEC

Monata. — Miesięcznik.

JARO / ROK **I.** SEPTEMBRO / WRZESIEŃ **1931.** Nr. **2.**

REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: — REDAKCJA I ADMINISTRACJA:
KRAKÓW, UL. LELEWELA 9. M. 2.

| ABONPREZO EKSTERLANDE: | POŜTKONTO: — KONTO CZEKOWE: | ABONAMENT W POLSCE: |
|---|---|---|
| Jare . . . . . . . . . . 2. sv. fr.<br>1/2 jare . . . . . . . . . 1. sv. fr. | P. K. O. Kraków, Nr. 412.308.<br>W. Chwałek. | Rocznie . . . . . . . . . 2·50 zł.<br>1/2 rocznie . . . . . . . 1·30 zł. |

| TARIFOJ POR ANONCOJ: | | | | | CENY OGŁOSZEŃ: | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1/1 | 1/2 | 1/4 | 1/8 | 1/16 | 1/1 | 1/2 | 1/4 | 1/8 | 1/16 |
| 15 fr. sv. | 10 fr. sv. | 8 fr. sv. | 5 fr. sv. | 3 fr. sv. | 25·50 zł. | 17 zł. | 13·50 zł. | 8·50 zł. | 5·10 zł. |

## Ok tagojn kune.

Plej aktuala afero por ĉiu samideano, afero pri kiu oni multe parolis kaj parolas, estas Esperanta Kongreso. Kiel ĉiuj scias Krakovo gastigis en siaj antikvaj muroj dum kelkaj tagoj pli ol mil homojn. Homojn, preskaŭ el la tuta mondo. Ok tagojn ni estis kune. Ni formis kvazaŭ unu familion, ni alparolis al si reciproke per unu lingvo kaj estis fratoj, pretaj al plej grandaj dediĉoj por ni; ni amuziĝis kiel infanoj. Gaje estis al ni. — Grandan verkon faris Zamenhof kreinte lingvon, per kiu tuta mondo povas interkompreniĝi — kaj interkompreno estas unua paŝo al kunigo de la tuta homaro. Ok tagoj mallongaj, tamen ili estis por ne unu partoprenato tuta jarcento — tiom oni vidis dum ili, tiom oni sentis kaj travivis. Kongreso havis momentojn, kiuj restos en memoro por tuta vivo, kvankam multaj ne havis eble okazon partopreni en aliaj kongresoj.

Unu el tiaj momentoj estis malfermo de la Kongreso kaj precipe kanto de himno esperantista — verko de Zamenhof, kiam el centoj da brustoj elŝiriĝis vortoj miraklaj, vortoj kiuj parolas pri ĝenerala paco, pri amo al poksimuloj — kaj vortojn tiujn kantis centoj da homoj el diversaj mond-partoj. Brako ĉe brako, sur unu tero, en unu ĉambrego. En tiu sola momento ni forgesis pri ĉiuj diferencoj, kiuj dividas homaron, kaj ni sentis nin vere kiel unu frateca interamanta familio, ne komanta malpacojn nek kverelojn. Momentoj tiaj estas maloftaj en vivo de homaro kaj kiu ilin ne spertis, ne povas kompreni, kio estas tiuj momentoj kaj kion ili donas. Tiu kiu staras malproksime de la kongreso, rigardas eble je ĝi, kiel je la infana ludilo — kaj pensas, ke dum ĝi kunvenas homoj, kiuj estas sen okupo, enuiĝas en vivo kaj ne havas ion por plenigi la vivon, ili do serĉas emocion, inpresojn, kaj tion ja liveras kongreso. Mi ne neas estas eble, ke certa parto de kongresanoj estas tia, tamen ĉefa afero de kongreso prezentiĝas tute alie.

Alveturas tien la homoj traigitaj per altruizmo, amo al proksimuloj, homoj batalantaj por paco, skermantoj por sublimaj ideoj, homoj el diversaj mond-partoj. Ili kunvenas unufoje en jaro plifortigas reciproke sian spiriton, aldonas al si fortojn por persisti, plifortiĝas kune. por ne fali en batalo je la ideo, en ba-

## Ośm dni razem.

Najaktualniejszą sprawą dla każdego ideowca, sprawą, o której się dużo mówiło i mówi, jest kongres esperancki. Jak wiadomo gościł w swych starych murach Kraków przez kilka dni przeszło tysiąc ludzi, ludzi prawie z całego świata. Ośm dni byliśmy razem, tworzyliśmy jedną rodzinę, przemawialiśmy do siebie jednym językiem i było nam dobrze ze sobą. Przez osiem dni byliśmy braćmi, gotowymi do największych poświęceń dla siebie, bawiliśmy się jak dzieci. Wesoło nam było. Wielkiego dzieła dokonał Zamenhof, stwarzając język, którym cały świat porozumieć się może, a porozumienie jest przedsionkiem do zjednoczenia całej ludzkości. Ośm krótkich dni, a były one dla niejednego uczestnika wiekiem całym, tyle się w nich widziało, czuło i przeżywało. Kongres ten miał chwile, które na całe życie pozostaną w pamięci, chociażby niejednemu nie danem było uczestniczyć w innych kongresach.

Za jedną z takich chwil uważam otwarcie samego kongresu a zwłaszcza śpiew, hymn esperancki utwór naszego Mistrza, kiedy z setek piersi wydzierają się słowa cudowne, słowa, które mówią o powszechnym pokoju, o miłości bliźniego i słowa te śpiewało setki ludzi z różnych stron świata. Ramię przy ramieniu, na jednej ziemi w jednej sali. W tej jednej chwili zapominamy o wszelkich różnicach, które dzielą ludzkość, a czujemy się doprawdy jedną braterską, kochającą się rodziną, nie znającą swarów i waśni. Chwile takie w dziejach ludzkości są bardzo rzadkie, a kto je przeżywał, nie może sobie zdać sprawy, czem takie chwile są i ile one dają. Ten, który stoi zdala od kongresu, patrzy może na niego jak na jakąś zabawkę dziecinną i myśli, że zbierają się na nim ludzie, którzy nie mają co robić, nudzą się w życiu i nie mają je czem zapełnić, szukają więc emocji, wrażeń, a przecież tego dostarcza kongres. Nie zaprzeczam, możliwe, że pewna część uczestników jest taka, jednakowoż zasadnicza sprawa kongresu przedstawia się zupełnie inaczej.

Przyjeżdżają tam ludzie, przesiąknięci altruizmem, miłością bliźniego, ludzie walczący o pokój, siermierze wzniosłych idej. Ludzie z różnych stron świata, ludzie ci stykają się ze sobą raz na rok, podnoszą się wzajemnie na duchu, dodają sobie sił do wytrwania, wzmacniają się razem, by nie upaść w walce o idee,

talo je amo, kaj batalo tiu en nunaj cirkonstancoj — inter hodiaŭaj homoj estas ja tre tre malfacila, kaj oni bezonas multe da fortoj por resti ĝis fino en la posteno, por ne disfali, kaj tiujn fortojn donas ja kongreso, ĉar tiam ni vidas, ke ni ne estas solaj, ke estas ankaŭ aliaj, kiuj same pensas, kaj la samon volas.

Kaj Mickiewicz ja diris:

Hej! Brak'al brako! — Per ĉeno komuna
Ni zonu ter — globon ĉirkaŭen!
Ni ĵetu pensojn al fajrujo kuna,
Spiritojn kune antaŭen!
Ni puŝu teran bulon
Al tute navaj vojoj!

Kaj ĝuste esperanta kongreso estas loko, kie oni povas kunigi spiritojn. Ĝi eble ne estas okazo ke ĝuste nuna Kongreso havis lokon en Polujo, en lando kie elkreskis homo doninta programon de estonteco, kreante »Odon al juneco«, kaj post li venis Zamenhof, kiu donis al ni eblon de komuna interkompreno, kaj eble post li venos aliaj, kiuj kreos eternan pacon kaj amon. Kaj tiuj estas ni, junaj esperantistoj, en kiuj fervoro ne estingiĝis, ni plenaj je fortoj kaj je volenteco por batali kontraŭ malnova mondo, kontraŭ malnovaj formoj.

Kune do junaj amikoj! Ni kreu rondon potencan kaj grandan. Ni kreu potencon, kiu estos kapabla kntraŭstari al malbono en mondo reganta.

Potencaj ni estos tiam, kiam ni estos multaj. Kaj ĝi okazos se lingvo Eesperanto fariĝos ĝenerala. Ni penu do tiun lingvon bone ekkoni, ke ni uzu ĝin tiel — kiel gepartan. Ni penu akiri adeptojn kaj amantojn de tiu lingvo. Malfacilaĵoj sur vojo nin ne timigu. Mi konfesas, ke vojo estas malfacilas sed malfacila estas ĉio bela. Ni havu kredon je venko, kaj kredo faras miraklojn. Tiuj ok tagoj kune travivitaj — donu al ni forton al plua verka laboro. Ni venkos, ĉar ni devas venki!

we walce o miłość, a przecież walka ta w dzisiejszych warunkach wśród dzisiejszych ludzi jest bardzo trudna i potrzeba wiele wiele sił, aby wytrwać na placówce, aby się nie złamać, a siły te dodaje kongres esperancki bo wtedy widzi się, że się nie jest jednym, że są jeszcze inni, którzy tak samo myślą, tego samego chcą, a przecież Mickiewicz powiedział:

»Ramię do ramienia — opaszmy ziemskie kolisko, zestrzelmy myśli w jedno ognisko i w jedno ognisko duchy. Hejże bryło z posad świata na nowe cię pchnijmy tory«.

A właśnie kongres esperancki jest miejscem gdzie można zestrzelić, zespolić i połączyć duchy razem. Jestto może nie przypadek, że właśnie obecny kongres odbywał się w Polsce, w kraju gdzie wyrósł człowiek dający program przyszłości, stwarzając »Odę do młodości«, a po nim przyszedł Zamenhof, który dał nam możność wpólnego porozumienia się, a może po nim przyjdą inni, którzy stworzą wieczysty pokój i miłość. A tymi jesteśmy my, młodzi esperantyści w których zapał nie zgasł, my pełni sił i otuchy do walki ze starym światem, ze staremi formami.

Więc razem młodzi przyjaciele, stwórzmy koło potężne i wielkie, stwórzmy potęgę, która zdolną będzie przeciwstawić się złu na świecie panującemu. Potężni będziemy, kiedy będzie nas wielu — kiedy język nasz stanie się powszechnym. Starajmy się więc język ten poznawać, abyśmy władali tak jak ojczystym. Starajmy się zdobywać zwolenników i sympatyków Esperanta. Niechaj nie zrażają nas trudności na drodze napotykane. Droga nasza jest trudną, ale wszystko co piękne trudne jest do zdobycia.

Miejmy wiarę w zwycięstwo — a wiara tworzy cuda. Niechaj te osiem dni razem przebyte dodadzą nam sił do dalszej twórczej pracy.

Zwyciężymy, bo zwyciężyć musimy!

*B. JOLLES.*

## De Redaktejo.

Ni treege dezirus. ke nia gazeto fariĝu la bazo de interkompreno por ĉiuj samideanoj. — Ke ĝi estu ligilo inter apartaj anoj de nia familio kaj samtempe, ke ĝi estu agrabla distriĝi por ili.

Tial do, ni celos al tio, ke — kiel eble plej multe da nia legantoj povu sur paĝoj de nia gazeto esprimi siajn pensojnj

Ni petas pri artikoloj el plel diversaj fakoj, ni mencias samtempe, ke ni estas absolute senpolitikaj.

Volante komencigi tiun ĉi kunlaboron, ni anoncas enketon je la temo:

**KION MI VOLUS TROVI EN ESPERANTA GAZETO?**

Ni petas pri kiel eble plej libera esprimado de pensoj kaj deziroj,

Ĉiuj legantoj estas ankaŭ petataj, ke ili bonvolu esprimi sian opinion pri enkondukotaj sekvantaj fakoj:

1. Feljetono.
2. Fako de tradukoj el pola literaturo.
3, Fako lingva.
4. Fako turista kaj landokona.
5. Fako amuziga.
6, Fako koresponda.

Du plej bonaj respondoj ricevos kiel rekompencon tutjaran senpagan abonon de nia gazeto.

Respondoj povas esti alsendataj ĝis 15 de Septembro de k. j.

## Od Redakcji.

Chcielibyśmy bardzo, aby pisemko nasze stało się platformą porozumienia wszystkich współideowców, aby było łącznikiem między poszczególnymi członkami naszej rodziny. a zarazem miłą rozrywką.

Dlatego też będziemy dążyć do tego, aby jak najwięcej czytelników mogło się na łamach naszego pisemka wypowiadać.

Prosimy o artykuły z najrozmaitszych dziedzin — podnosimy przytem z naciskiem, że jesteśmy najzupełniej apolityczni.

Chcąc zapoczątkować tę współpracę, ogłaszamy ankietę na temat:

**CO PRAGNĄŁBYM ZNALEŹĆ W PIŚMIE ESPERANCKIEM?**

Prosimy o jak najswobodniejsze wypowiadanie się.

Zwracamy się również do czytelników z prośbą o wyrażenie swego zdania co do zaprowadzenia następujących działów:

1. Feljetonu.
2. Działu tłumaczeń arcydzieł literatury polskiej.
3. Kącika językowego.
4. Kącika krajoznawczego.
5. Kącika rozrywkowego.
6. Działu wymiany korespondencji.

Dwie najlepsze odpowiedzi otrzymają nagrodę w postaci całorocznej bezpłatnej prenumeraty naszego pisemka.

Termin nadsyłania odpowiedzi do 15-go października b. r.

# VARBU

**ABONANTOJN, POR KE JUNA SAMIDEANO POVU BALDAŬ APERI NE MONATE, SED ĈIU-SEMAJNE!**

## Feljetono.

Gesinjoroj! Permesu, ke mi prezentu min. Mi estas nova esperanta homo, sed mi jam suferis por Esperanto.

Mi vidas, ke vi ne povas kredi. Mi petas aŭskultu!

Antaŭ kelkaj jaroj — kiel lernaninto de la gimnazio mi havis grandan ideon. — Mi deziras lerni Esperanton — ne sola — sed kun miaj kamaradinoj.

Dum la paŭzo mi ekrakontis inter ili pri la mondlingvo kaj pri mia intenco. Post viva disputo ili konsentis akcepti mian proponon — sed ni havis kaj konis nenian instruiston de Esperanto

Mi skribis leteron al prezidanto dela esperanta societo en nia urbo, petante pri konsilo kaj instruisto.

Sinjoro prezidanto amata kaj estimata persono en nia urbo invitis min malgrandan lernantinon al si.

Ho! — Mi iris tre feliĉa, tre fiera, sed kun koro forte batanta.

Bonkora grizhara homo donis al mi ĉiujn bezonajn konsilojn kaj instruiston.

La plej grava estis finita. —

Sed mi ne havis ankoraŭ ĉambron. Mi petis pri ĝi sinjoron gimnazi — direkton.

Li donis al ni ĉambregon en la gimnazio, sed — ho malfeliĉa momento! Li diris, ke ni devas havi por nia esperanto — kurso permeson de nia klaso — mastrino.

Ni komprenis, ke ĉio estas perdita. — Nia instruistino de la franca lingvo ne konis Esperanton kaj tial ŝi estis ĝia granda malamikino. Ho jes — ŝi donis, ne — ne permeson, sed al mi »malsufiĉe« je fraca lingvo.

Gesamideanoj mi demandas vin! Ĉu ĝi ne estas turmento lerni ne Esperanton sed francan gramatikon?

Sed nun! Ho nun mi povas diri al vi bonan novaĵon Ni ĝoju ĉar en la sama gimnazio oni jam lernos mondlingvon.

Ĝoju ĉar nia ĉarma ideo ornamos novajn junkorojn kaj novajn brakojn por kun dia laboro.

*Z. Ćwiklińska.*

Rimedo kontraŭ la Esperantismo:

«En gaja societo oni parolis pri ĥolero kaj novaj rimedoj kontraŭ ĝi. En la societio troviĝis ankaŭ unu kuracisto kaj unu juna homo, kiu amis ĉion kritiki nenion sciante.

Kiam la kiuracisto rakontadis pri novaj rimedoj kontraŭ ĥolero, la junulo interrompis lian parolon kaj diris:

— Vi havas rimedojn kontraŭ ĉiuj malsanoj; sed ĉu via scienco eltrois jam ankaŭ efikajn rimedojn kontraŭ la pelj nova malsano kiu nun vastiĝas en la mondo — kontraŭ esperantismo?—

Oni diras, ke tiu ĉi malsano infektis jam multaj urbojn kaj landojn. Ĉu vi elpensis jam ian rimedon kontraŭ tiu ĉi malsano sinjoro doktoro?

— Jes respondis la kuracisto (kiu okaze estis esperantisto) mi profunde esploris tiun ĉi malsanon kaj mi havas kontraŭ ĝi efikam rimedon.

La baciloj de tiu ĉi maisano portas sin en radioj de l'suno kaj en mallumo ill ne povas vivi; tial la plej bona rimedo kontraŭ la esperantismo estas sidi ĉiam en profunda mallumo kaj allasi al si nenian radion de la suno«.

JULJUSZ SŁOWACKI.

## Testamento.

Nî kuvivis kupnloris — ni nin ne revidos,
Indiferenta ne estis min homo belkora;
Mi foriras — suferon ni jam ne devidos,
Kvazaŭ estis feliĉo — mi iras dolora.

Postheredanto restas ĉi tie nenia,
Nek por mia liuto, nek por mia gloro;
Nomo mia pasis kiel fumlo ia —
Kaj dauros en idaro málplena sonoro.

Poste idoj eksciu de la protoplastoj,
Ke por hejmo mi donis miajn junajn jarojn —
Kaj dum ŝipo batalis, mi sidis sur mastoj —
Kaj dum dronis — kun ŝipo mi irîs sub marojn.

Mi iam pri sorto malgaja meditis
De hejmo malfeliĉa — konfesos nobleca,
Ke veston de spirito, mi plene meritis,
Ĉar per praavaJ famoj estas majesteca.

En malhelnokto miaj amikoj kunvenu
Kaj en aloo mia forbruliĝu koro —
Kaj ŝi, kiu ĝin naskis, tiu ĝin reprenu.
Cindron portas mon'al ŝi.... repag'jen moro...

Vi amikoj miaj ĉe pokalo sidu!
Funebron post mi tradrinku kaj propran mizeron;
Sprito se mi estos, ili do min vidu —
Mi ne venos, se Dio ne donos liberon...

Mi petegas, ke vivaj ne perdu esperon!
Portu antaŭ nacio klierigan torĉaron —
En bezono, pereu gardante la veron
Kiel ŝtonoj de Dio ĵetitaj remparon!....

Malgranda min pstrestas de kunoloj — aro
Kiuj povis ekami mian kor — fieron;
Mi plenumis kruelan servon ĉe altaro
Neniu ploris mian ripozon enteran.

Kiuj konsentus esti mond' — neaplauditoj
Tra mondo iri kiel mi indiferente? —
Kaj boaton direkti plena je spiritoj —
Al spirito simila forflugi silente.

Kaj tamen post mi restos fort'neevitebla
Frunton mian ornami — ĝia sola celo
Sed post morto vin prenos tiu nevidebla,
Ĝis ĉiun panmanĝanton ĝi faros anĝelo.

*Tradukis J. S. Swaryczewski.*

## Esploro ĉe la pigmeoj.

Tuj kiam la suno leviĝis, mi preparis miajn kestojn, helpita de la portistoj, kaj ni denove ekmarŝis tra la arbarego al proksima vilaĝo.

Malrapide ni iris sub ombra laŭbo. Miaj nigrulaj portistoj mallaŭte kantis por akompani la kadencon de la paŝoj kaj senpezigi la ŝarĝon, kiu fleksigas la ŝultrojn. Nia antaŭeniro estis malfacila, ĉar nekredebla interplekto de lianoj baris la vojon kaj peza varmo ĝenis la spiradon. Ni estis devigataj trahaki al ni irejon. Tamen mi estis kontenta pri la irado, ĉar miaj portistoj estis tre kuraĝaj kaj lertaj por traspasi la malhelpaĵojn.

Vespere ni atingis bordon de larĝa rivero, kies blua akvo pace fluis meze de tiu pentrinda pejzaĝo. Miaj portistoj haltis kaj ne plu volis antaŭeniri, ĉar sur la alia bordo ili estis ekvidintaj pigmeojn.

Mi mem esploris kaj ja klare vidis, je kelkaj metrocentoj, aron da homoj, malaltstaturaj, kiuj rapide forkuris, lasante sur la loko multe da ĉasaĵoj, kiujn ili verŝajne ĵus kaptis. Nia neatendita alveno estis interrompinta iliajn forirajn preparojn.

La unua mi eniris la riveron kaj sen malhelpo mi atingis la kontraŭan bordon. Plikuraĝigitaj per mia ekzemplo kaj per miaj diroj, la portistoj baldaŭe min reatingis. Mi tie trovis grandan kvanton da bonegaj ĉasaĵoj, kiuj multe utilos al ni por la daŭro de nia vojaĝo. Sed mi ne volis ilin forporti kontraŭvole, kaj mi alvokigis pigmeojn pere de interpretisto. La pigmeoj ne estis malproksime. Ili estis sidantaj sur la ĉirkaŭantaj arboj kaj pretiĝis arkpafi se bezone.

Kiam ili sciis pri maj pacaj sentoj, ili malsupreniris de la arboj kaj alproksimiĝis. Mi donacis al ili tabakon, salon kaj vitraĵetarojn. Pro tio ni tuj fariĝis bonaj amikoj,

Mi atente ekzamenis ilin. Ili estis tre malaltkreskaj, proksimume unumetraj, kaj la plej altaj apenaŭ atingis mian zonon. Ilia korpo ŝajnis fortika, sed larĝa kaj plata gnomkapo havigis al ili nebelan aspekton. Iliaj malbonformaj piedoj signis la kutimon grimpi arbojn.

La pigmeoj vivas de la fiŝ-kaj birdkaptado. Ili ne fruktigas bienojn. Ili interŝanĝas ĉasaĵojn kontraŭ bananoj, manioko kaj fruktoj. Ili estas migremaj kaj laŭplaĉe translokiĝas. La lerteco, kun kiu ili uzas ĵetlancojn kaj pafarkojn, igas ilin danĝeraj, des pli ĉar iliaj mirindaj fleksebleco kaj facilmoveco por grimpi sur arbojn igas ilin preskaŭ nekapteblaj.

Mia simpla kaj senceremonia konduto baldaŭ plenakiris ilian amikecon. Ili kore min invitis resti kelkan tempon en ilia tendaro. Mi plezure akceptis.

Ni estis en vasta nedensejo. La lastaj sunradioj iom post iom forestingiĝis. Malvarmeta venteto movetadis larĝajn palmofoliojn, kies milda zumetado sin miksis kun la sursurado de la apuda rivero, La pigmeoj fumis verdan tabakon en longaj terpipoj. Kaŭrantaj, senmovaj kiel vivantaj statuoj, ili rigardis la bluan fumon supren elirantan el la pipoj je regulaj intertempoj, En la mezo de la rondo brulis fajro, kies ardaj flamoj lumigis la vizaĝojn.

Sopira melodio subite aŭdiĝis. La sorĉisto de la tribo ludis simplan harpon kaj kantis malrapidan arion honore al la prauloj. Li kantis la feliĉan tempon, kiam la blankuloj ne estis venintaj en la regionon, kiam la vasta arbarego kaj la profundaj lagoj apartenis nur al ili... La plendon dividis rekantaĵo, kiun ĥore kantis la ĉeestantaro... La sorĉisto elvokis la landon de la animoj, kie ripozas la prauloj, meze de senfina feliĉeco, kaj kie ili siavice iros post la morto... La harpo kadence modulis la parolojn de la sorĉisto per kortuŝa kvankam primitiva muziko.

Poste la pigmeoj, elfumintaj le enhavon de ilia pipo, stariĝis kaj ronde ekdancis ĉirkaŭ la fajro. Foje ili rondiris laŭ kapturniga irmaniero, eligante gorĝajn kriojn, foje ili kadence marŝis kun etaj balanciĝoj de la busto kaj modulante malgajan kanton.

Sed neatende la ĉefulo akre fajfis. La rondirantoj haltis kaj disiris por la dormado. Alveninta estis ja la tempo: la luna estis baldaŭ ekaperonta sur la ĉielo, kaj kun ĝi la malbonaj spiritoj.

Kelkan tempon poste, apud helaj fajroj, kiuj estis forpelontaj sovaĝajn bestojn, mi etendiĝis en mia hamako kaj endormiĝis lulata per la mistera zumetado de la bananujoj...

La morgaŭan tagon, mi adiaŭis miajn gastigantoj kaj daŭrigis mian vojaĝon tra la Afrika arbarego.

*Max Roub.*

---

**Redakcio de J. S. esprimas korajn dankojn al Sinjoro Leon Wadas el Kraków por oferita monsumo, kiu ebligis al mi disdoni propagande 500 egz. de nia gazeto.**

---

# KUNLABORU

KUN NI SENDANTE AL REDAKCIO DE J. S. ADRESOJN DE ESPER. KURSANOJ KAJ DE KONATAJ AL VI PERSONOJ, KIUJ MEMLERNAS ESPERANTON!

# Skolta Angulo.

ESTU PRETA!  CZUWAJ!



## X-a Internacia tendaro de la Skolta Esperantista Ligo

**14—20 Julio 1931. Budapest Hungarlando.**

Kiam la danuba ŝipo veninta el Vieno haltis ĉe la albordiga ponteto ekbrilis lampionoj, tabuletoj kun la literoj „SALUTON“ leviĝis supren kaj kelkdekoj da skoltoj vivkrilis, kiam la unua fremda skolto suprasis la albordigenoj. Anglaj, skotaj kaj irlandaj skoltoj alvenis. Ilin atendis hungaraj kaj transsilvaniaj skoltoj kaj bonvenigis ĉiujn en nomo de la arangantaro Janos Halmai skoltoficiro, kiu de la komenco ĝis la fino dum naŭ tagoj gvidis la partoprenantojn kaj aranĝis iliajn aferojn. Sekvis salutoj de skoltaj kaj esperantaj sacietoj kaj ekmarŝo al la Skolta Parko inter montoj, kie malfermiĝis la X-a Internacia Tendaro de la Skolta Esperantista Ligo.

La partoprenantaro ne estis granda, proksimume 70 membroj aliĝis, el kiuj regule kuvenis dum la ekskursoj 50—60, sed ĉe ia vesperaj kunvenoj kun la gastoj la nombro atingis ofte 100. Al la tendaro ankoraŭ aliĝis poste kelkaj germanaj skoltoj, ĝin venis saluti esperantistoj el Ĉeĥoslovakujo kaj Francujo, ne esperantistaj ĉefskoltoj el Danujo, Litvanujo kaj unu el Polujo. Letere salutis skoltoj kaj esperantistoj el pluaj 7 Landoj, ankaŭ (Argentina Sk. Asocio),

La tagoj rapide pasis per ekskursoj en la urbon kaj ne estis sufiĉa tempo por rigardi ĉiujn vidindaĵojn. Sed plej ĉarmaj estis la vesperaj tandarfajraj kunvenoj, kiam sur libera loko inter ronde starantaj arboj, sidante sur arbotrunkoj oni ĉirkaŭis alte flamantan fajron kaj kantis, deklamis, rakontis, priparolis, serĉis, dancetis, unu post la alia sole kaj grupe, kreante atmosferon de frateco kaj varma homsento.

Lo unua tendarfajron salutis inter aliaj ankaŭ s-ro. Hugo Ulbrich, kunprezidanto de la Hungara Skolta Asocio, esprimante la esperon, ke la skoltan leĝon, laŭ kiu ĉiulandaj skoltoj estas fratoj, vere realigos la esperantistaj skoltoj. La endarkunveno sendis salutojn al la regnoj kaj skoltaj gvidantaj personoj, el kiuj la ĉefskolto, grakfo Karlo Khuen-Hédérváry unu posttagmezon vizitis la tendaron, en kies mezo pendis sur flagkolono la esperanta, hungara kaj brita flagoj (aliaj nacioj ne kunportis la siajn)! La intiman senton regantan ĉe la tendarfajro estas malfacile rakonti, ĝi estas io pli, ol kutima esperanta kunveno kaj precipe la bonhumnro kaj multaj kantoj karakterizas ĝin.

La konkursoj okazis parte ĉe la tendarfajroj kaj pro la multaj premio-libroj donacitaj de angla samideano, de UEA, Literatura Mondo, Heroldo, Hungarlanda Esp. Societo, Katolika Vivo kaj kelkaj privataj personoj, preskaŭ ĉiuj ricevis ion por kantado, deklamado, serĉado, naĝkonkursoj, kaj aliaj. Por helpa laboro kaj lingva lerteco la budapesta skolta rondo ricevis silkan flagrubandon kaj alian la Hungara Skolta Asocic. Por grupa prezentado la trupo el Netherton artmetie faritan lignobotelon. Dimanĉe matene pastro Morgan, la populara skolto faris belegan predikon okaze de tendra protestanta diverso. Poste sekvis vizito de roverskolta parko kun remado, naĝado kaj naĝkonkursoj. Samposttagmeze la rigardo de hungara vilaĝo kaj partopreno do ĉardaŝdanco kun vilaĝaj knabinoj, restos eterna memro por la partoprenintojn. Oni gastigis ĉiujn per manĝeto en la „internacia vilaĝeto“, kie ĉiujn domojn por militvidvinoj ilia nocio konstruigis. Revoje oni povis rigardi la lumigitajn bastionojn. La migrantaj premiojn de la Hungara Skolta Asocio ricevis por plej bona lingvolernado la debrecena skolt-trupo, por plej sukcesa korespondado unu trupo el Szeged. Oni devas menci, ke la debrecena esperantista grupo klopodis multege por instrui skoltojn kaj per kolekto ebligis la alvenon de 8 skoltoj. Se ĉiuj esperantistaj grupoj estus imitintaj tiun laboron, la tendaro estus estinta grandega mond-jamboreo. Bedaŭrinde la pli multaj eĉ ne interesiĝis. La kunveno de S. E. L. dankis unuvoce al pastro Ramboux en Paris, pro malavara eldonado de bedaŭrinde cesiginta „Skolta Heroldo“ kaj sendis alvokojn al la Skoltgvida Konferenco en Baden, al pastro Rovens en Konferenco en Kandersteg por rekoni oficiale Esperanton.

La Hungara Skolta Asocio mem transndonos la proponon al la skoltgvida konferenco. La kunveno ankaŭ rekonis, ke por skolta instruado efike taŭgas la metodo do pastro Cseh pro simileco al skolta pedagio kaj aparte salutis la Cseh-Instituton. Oni ankaŭ decidis, ke SEL mem eldonos malgrandan bultenon por siaj membroj sen aparta alpago.

La ĉefa sukceso de la tendaro estis, ke multaj skoltoj diversnaciaj, precipe malriĉaj, kiuj ne havis okazon lerni fremdajn lingvojn, povis intekompreniĝi per lingvo, kiun ili studis nur kelkajn monatojn. Laŭ la spertoj ili povis pli bone uzi Esperanton, ol la anglan lingvon, kiun kelkaj lernis ankaŭ en la lastaj jaroj. La ĉiam senlace laboranta tendarestro Norman Booth mem deklaris, ke li povis pli bone interkompreniĝi kun alilandaj skoltoj per Esperanto, ol per ilia malbona angla scio. Kaj estis kora ĝojo vidi, kiel feliĉaj estis la knaboj amikiĝintaj. Ĉe la lasta kunveno prave diris al ili dro. Dezsó Major, ĉefsekretario de la Hungara Skolta Asocio, ke nun kiam la maljunularo de la diversaj nacioj malpaciĝas, la junularo kreŭ amikan ĉenon por sukcesigi la veran skoltan idealon.

La disiĝo estis malĝojiga, la adiaŭo amara — la britaj skoltoj ankoraŭ pasigis du tagojn apud la bela lago Balaton — sed oni disiris promesante daŭrigi la skoltan laboron por kaj per Esperanto.

---

## S a l u t l e r o

**alsendita de X. Internacia Tendaro de S. E. L. en Budapest.**

Estimata Sinjoro
D-el Emil Mayer
kaj Skoltaro esperantista
en Polujo.

Budapest 17 aŭgusto 1931.

*Tre estimataj!*

*Akceptu niajn plejn korajn adnkojn, pro viaj varmaj salutoj kaj ni sendas al Vi sincerajn skoltajn salutojn el nia sukcesa tendaro! Hepu ĉiam skoltan aferon kun Esperantonto! Viaj*

*(subskribojn de ĉeestanioj de la X. J. S. T. en Budapest).*



*SKOLTOJ PARTOPRENANTOJ DE LA XXIII-a EN KRAKOVO*

*UCZESTNICY ZEBRANIA HARCERSKIEGO PODCZAS KONGRESU W KRAKOWIE.*

## Skolta Kunveno dum la XXIII-a Universala Kongreso de Esperanto.

Dum la daŭro de la XXIII-a Universala Kongreso de Esperanto en Kraków, ĵaŭde 6-an de Aŭgusto 1931 okazis faka kunveno de skoltoj kaj amikoj de la skoltismo konantaj Esperanton, kunvokita de S-ro E. Mayer (de Kraków).

Longan paroladon pri movado de esperantistaj skoltoj en Polujo kaj eksterlande, pri Skolta Esperantista Ligo kaj pri organizo de la skoltoj konantaj Esperanton havis S-ro E. Mayer.

Inter aliaj aferoj oni decidis aliĝi al Skolta Esperantista Ligo, kies centra organizo estas en Netherton-Huddersfield, Anglujo. Organizon de la esperantistaj skoltoj en Polujo, ligi rilatojn kun diversnacianoj kaj pro malapero de la oficiala organo „Skolta-Heroldo", ekaboni gazeton „Juna Samideano", kiun oni opiniis kiel plej taŭga por tiu celo.

Dum la kunveno ĉeestis skoltoj kaj skoltizmoamantoj el diversaj landoj, agordo estis vere frateca.

Oni sendis salut-leterojn al skolta Eesperantista Ligo en Anglujo, al Z. H. P. Warszawa, Praĥa, Budapest.

Sekretariejo de Skolta Esperantista Komitato: Zbigniew Woźniewski, str. 20-go Stycznia Nr. 20 m. 1.

## Harcerskie Zebranie podczas XXIII. Wszechświatowego Kongresu Esperanckiego.

W czasie trwania Wszechświatowego Kongresu Esperantystów w Krakowie we czwartek dnia 6-go sierpnia 1931. odbyło się zebranie harcerzy i przyjaciół skautingu, znających język esperanto, zwołane przez p. Emila Mayera (z Krakowa) delegata Harcerskiej Ligi Espetantystów.

Przemówienie o ruchu harcerzy esperantystów w Polsce i zagranicą, o Harcerskiej Lidze Esperanckiej w Anglji i organizowaniu harcerzy esperantystów wygłosił del. p. E. Mayer.

Między innemi sprawami zadecydowano przyłączyć się do Harcerskiej Ligi Eesperantystów, której zarząd centralny znajduje się w Netherton-Huddersfield, Anglja. Zorganizowanie harcerzy esperantystów w Polsce, nawiązanie stosunków z innemi państwami i w końcu zaabonowanie miesięcznika „Młody Współideowiec", który uznano za najodpowiedniejszy na ten cel, ponieważ oficjalny organ Harc. Ligi Esp. przestał wychodzić.

W zebraniu, na którem panował prawdziwie braterski nastrój wzięli udział harcerze różnych państw i przyjaciele skautingu.

Wysłano listy z pozdrowieniami do Harcerskiej Ligi Esperantystów w Angli, do Z. H. P. Warszawa, Praga, Budapeszt.

Sekretarjat Harcerskiego Komitetu Esperanckiego: Zbigniew Woźniewski, Bydgoszcz, ul. 20-go Stycznia Nr. 20 m. 1.

## Korespondado.

1. ANGLUJO . . . . . . . . . E. Donald Durrant, 7, Ipswich Road, Woodbridge, Sulfok.
2. ANGLUJO . . . . . . . . . Ronald B. Wilkinson, „Rosemary" Norwich Road, Whitton, Ipswich. (Korespondas kun Skoltoj).
3. ĈEĤOSLOVAKUJO . . . . . Rudolfo Zamaŝka — Koprynice.
4. ITALUJO . . . . . . . . . . Mario Albanase, Borfuro, 3 — Kapisteria, eo Bergamo.
5. LITOVUJO . . . . . . . . Skoltino Bvinte Avironyte, Maironio 21, en Kaŭnas.
6. NEDERLANDO . . . . . . . Trupestro Tiido Folmer, Rembrandstr. 38, Nimegen — oun alilandaj skoltoj.
7. POLUJO . . . . . . . . . Sygnarski Kraków Kordeckiego 23.
8. POLUJO . . . . . . . . . Tadeusz Sand — Stryj str. Czarneckiego 21. Pri skoltismo, sporto, turismo kaj fako marista. (Interŝanĝas poŝtmarkojn).
9. POLUJO . . . . . . . . . Skolto F. Radowiecki, Maczki, dom kolejowy.
10. SKOTUJO . . . . . . . . . Instr. James G. Kinniburg. Kylepark Uddington, N. B.

## Respondoj de Redakcio.

S-o P. Sand — Stryj: Amplekson de nia gazeto ni pligrandigados laŭ mezure je plimultiĝo de la abonantoj.

S-o F. Radowiecki — Maczki: Koncerne detalaĵojn pri Skolta Esp. Ligo, turnu Vin. skribe al S. E. L. Delegito S-ro E. Mayer, Kraków, str. Lelewela 9. Aligu poŝtmarkojn por respondo.

F-ino P. Rubinstein — Kraków: Por Via verketo ni tre dankas. Via „Filo" aperos en unu el plej proksimaj N-oj de J. S.

Wydawca: Władysław Chwałek. Redaktor: Jan S. Swaryczewski. Redaktor odpowiedzialny: Emil Mayer.

Czcionkami Drukarni Bratniej Pomocy Medyków Uniwersytetu Jagiellońskiego w Krakowie, ul. Grzegórzecka 20. Tel. 162-58.